3ª jaro - Nº 1 (20) (Publication mensuelle) Januaro 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Ne necesas esti Krezo por kongrese
krozi dum krizo —
sufiĉas havi 325 Lirojn!**

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# LA PIRATO

3-a Jaro  1935

Atingis nin lastatempe, koincide kun la komenciĝanta jaro, multaj novaj abonoj. Ni lasas al nia plej juna kunlaboranto, Ale Ben Tarip, la pridubindan honoron kaj delikatan taskon diri kelkajn afablajn vortojn al la novuloj.

## Bonvenon al la novaj Piratoj

Venkite de trompromesa reklamteksto aŭ de puninda scivolemo, — logite, eble, de l'or-kartona aŭreolo super la « elita legantaro », — aŭ cedante al nedifinebla impulso, — ĉiuokaze sen la permeso de viaj honestaj parencoj, vi aliĝis al « La Pirato ». Ne ekzistas kaŭzo por gratuli vin, sed tamen estu bonvenaj sur nia ŝipeto, kiu ne estas luksa vaporgiganto, nek sklavo de rigida horartabelo, nek de antaŭfiksita vojaĝplano.

« La Pirato » estas velboato, kiu krozas laŭ libera kaprico kaj alvenas kelkfoje pli frue, ĝenerale pli malfrue ol oni atendas. Vi povos, se plaĉas, sendi malbenojn, protestojn, insultojn al la Redakcio. Novaj, nespertaj abonantoj ja ŝatas tiun sporton, sed sciu, juna rekruto, ke la harditaj pasaĝeroj jam de longe rezignis, kompreninte la tutan vanecon de eventuala ekkolero.

Respektu la malnovajn abonantojn. Ili akiris multajn meritojn. Metu tial vian tabakujon je ilia dispono kaj ne avaru, kiam vi havos la grandan honoron sidi kun ili ĉirkaŭ trinktablo. Ne estu stulte pruda, nek provoke bigota. Sed kulturu la piratajn malvirtojn, por ke vi havu — post unu provjaro — la rajton aliĝi definitive al nia ne vortotima societo kaj fariĝi mem inter banditoj... alia bandito ! Velu !

ALE BEN TARIP.




# Kaj se ni lernus kalkuli... ?

Pli aŭ malpli mole, konsente aŭ nevole, ni ĉiuj englitis en la novan jaron. Sendepende de l' adoptita kalkulsistemo aŭ de l' prikonsentita elirpunkto, ĉiujare ni havas unu jaron pli. Sed la numero de l' jaro dependas de la ĵus cititaj faktoroj.

Sciencistoj asertas, ke ni vivas nun la jaron 13476 ; — ni ne kontrolos, ĉu ili estas pravaj, same, kiel ni ne kritikos la ciferon proponatan de l' japanoj, aŭ de l' hebreaj judoj, aŭ de l' fervoraj Mahometanoj, kies « heĝiro » havas alian signifon ol viaj sentimentalaj promenoj inter la diskretaj heĝoj de via juntempo. Kristanoj nombras nun 1935, dum la italoj, kiuj ŝajne forgesis, ke la finkonstruo de l' urbo Roma estis elirdato, scias nun kalkuli nur ĝis XIII.

Se unuflanke, ni ĉiam aplaŭdas per ĉiuj disponeblaj remiloj, kiam temas pri manifestiĝo de persona libereco kaj se, konsekvence, ni toleras indiferente la sendanĝeran manion de kelkaj privatuloj, por kiuj la nuna jaro estas « la 28-a de nia geedziĝo, » aŭ « la 16-a post la kermeso en Trinkistro », ni aliflanke bone komprenas, kiom ĝene estus koncerne la interpopolan vivon, se ĉiu homo obstinus kalkuli la jarojn nur de iu dato, eble interesa aŭ ĉefa por la propra persono, sed tute bagatela por la homaro. — Tial ni proponas, kun la serena konscienco, kiu estas nia

standardo, ke ĉiu kalkulu en sia privata vivo laŭ sia plaĉo, sed rilatante kun alilandanoj, kun homoj de nekonataj rasoj aŭ seksoj, ni uzu senescepte la Esperantan sistemon: Por ni la mondo komenciĝis kun la naskiĝo de Esperanto, tial senerare ni vivas hodiaŭ en la jaro 48 p. E.

Kaj la aliaj ne plu konsideros nin kiel suĉinfanojn!

La dejôranta Pirato.

---

*ALTEGA LITERATURO*

# Mikroboj

Mikroskope mi kison analizis.

Tiel multe la buŝo tre amata
da mikroboj abunde mobilizis,
ke la mia grimacis naŭzigata.

Pensu do pri mikrobo eniranta
en la buŝon de mia karulino...
ho malpura monstreto makulanta
la lipetojn trempitajn en karmino!

La belruĝaj diantoj, ĉarmtrezoroj,
la purpuraj, rubenaj vivjuveloj,
la grenataj, koralaj, sangaj floroj,
la plej freŝaj, plej dolĉaj karameloj...

Ho, milfoje mil kisojn ni jam manĝis
ne sciante, ke tiu bongustaĵo
estas tio...
Ni kisojn interŝanĝis
ne pensante pri tia malpuraĵo.

Fi! — eknaŭzo!...
Kaj tamen mi konfesas,
malgraŭ ĉiuj monstretoj de l' salivo,
kiam ŝia buŝeto min karesas:
Mi ĝin sorbus dum mia tuta vivo!

Saldanha Carreira.

☆  ☆



# En la nomo de la L. K. K.

# S-ro Laval,

## la franca Eksterlandaferministro,

# faras propagandon por nia XXVIIa

Ankaŭ ni povus, kiel la diverslanda ĵurnalaro, analizi la eblajn politikajn konsekvencojn de tiu diplomateca vojaĝo, kiu kondukis nian bonan amikon Laval ĝis Romo, kaj tiamaniere ankaŭ ni povus kontribui al plua plimalklarigo de l'situacio. Sed nin neniel interesas scii, ĉu estas Laval aŭ Mussolini, kiu eltiris la plej bonan parton el la negoco; ni preferus okupiĝi pri la flanoj de nia najbarino... Sufiĉas konstati, ke ambaŭ kunludintoj oficiale deklaris, ke ili estas kontentaj. Bone.

Restas unu flanko de l'Lavala vojaĝo, kiun la tutmonda, ŝajne ne sufiĉe subaĉetita ĵurnalaro neniam lumigis. (Estas vere, ke la propaganda kaso de nia L. K. K. estas tre modesta!) *) Ni aludas la signifon

*) ...kvankam ni persone ne rajtas plendi! — Red.

de tiu ministra vojaĝo por nia Universitala Kongreso kaj ni estas feliĉaj, ke S-ro Laval, kiu sendube estas tre inteligenta homo, sin turnis rekte al ni por konigi al la Mondo, pere de nia organo, siajn impresojn pri nia XXVII-a. Samtempe li profitis la okazon por plenumi diversajn komisiojn, kiujn la L. K. K. estis afable trudinta al li.

Do, lastan merkredon, S-ro Laval havis la honoron viziti nian kavernon. Sur la sojlo de l' pordo li haltis majeste, tusis, kraĉis kaj retusis, kaj malfiere li diris: « La atmosfero en via butiko estas tute internacia, t. e. netravidebla! » Sed jam post kelkaj minutoj li aldonis: « Haha, nun mi komprenas, — estas pro via naŭza pipfumo! » — Post tiu ĉi bone prezentita prologo la pirata ĥoro kantis, honore al la alta gasto, la faman arion de la « Calavalleria Rusticana », pri kiu artaĵo la ministro estis tiel emociigita, ke li promesis al ĉiuj pecon de la Honora Legio. Ni tamen ne faras al ni iluziojn, — ni konas la valoron de tiaj kaj similaj promesoj kaj tre bone scias, al kio tiaj promesoj povas utili, sed ni preferas sidiĝi sur seĝojn, unuflanke pro ilia fortikeco kaj aliflanke pro la komforto. Sed nia amiko Condorcet, kiu ĉiam revadas, sidiĝis sur la ĉapelon de l' ministro. Ni timis malagrablan impreson ĉe la ministro, sed tute ne, — li pli kaj pli montriĝis inteligenta homo kaj diris amike al Condorcet: « Signor Condorcettiere, dum la kongreso vi devos tre atenti por ne sidiĝi erare sur la Vesuvon! » — Kaj li rakontis al ni pri la kongreso.

« Illustrissimi Esperantisti e tutti quanti! — Kun granda ĝojo mi akceptis la peton de mia amiko Mussolini fari iom da reklamo por la itala turismo ĝenerale kaj pli speciale por via Kongreso en Firona. Eksciu do, ke la italoj estas vere tre afablaj homoj kaj eksterordinare gastamaj. Mi certigas al vi, ke vi apenaŭ havos la okazon elspezi vian monon dum via vojaĝo en Italujo. Mi mem ja ĵus faris la sperton: Ĉiutage mi estis invitata ĉe alia tablo, — ili preskaŭ batalis inter si, por havi la plezuron min nutri.

Ankoraŭ hodiaŭ mi sincere bedaŭras, ke mi havas nur unu stomakon. — Mi do konsilas al vi, ke vi iru al la kongreso kiel eble plej multnombre, por ke ĉiuj italaj amikoj havu almenaŭ unu gaston ĉe sia tablo dum la tuta daŭro de l' kongreso.

Kunportu malplenajn valizojn, por ke ne okazu al vi, kio ĵus okazis al mi. Imagu, kiam mi grimpis en la vagonaron por reveturi hejmen, mian mirigitan vizaĝon! Mi ne sciis, kien meti la multajn donacojn, kiujn miaj italaj amikoj alportis al mi. Jen estis kelkaj ŝtonoj de l' antikva forumo, — hepatosto de l' imperiestro Quiesnomonmiforgesius, — ankaŭ dika peco de Vesuva lafo ktp. Estas por mi vera feliĉo, ke la papa donaco estis pli facile enpoŝigebla. De nia sankta patro mi ricevis benon, unuakvalitan benon, tiel, ke nun ankaŭ mi, same, kiel mia amiko Mussolini, estas Benito, — jes, Benito (de l' Papo) Laval! Evviva l' Italia! » — Kontenta pri sia oratora sukceso la ministro per senartifika gesto frapetis la dekstran femuron de nia amiko Nels kaj daŭrigis:

« Ragazzi, ragazze e bambini! Pardonu la ideo-salton, sed tio rememorigas al mi la bonegan italan ŝinkon, — tamen ni parolu serioze!

Via amiko Orengo estas tiom kontenta pri la ĝis-nuna sukceso de l' kongreskrozado, ke, malgraŭ sia barbo, li ne plu povas kaŝi venkocertan rideton. La ŝipo rapide pleniĝas, ĉiutage alvenas novaj pasaĝeroj, tiel, ke post kelkaj semajnoj ne plu restos sur la oficiala ŝipo unu loko disponebla. — Kaj jen la misio, kiun la L. K. K. konfidis al mi kaj al kies sukcesa plenumo mi dediĉos mian tutan talenton:

Ni supozu, ke la nombro de l' krozadpartoprenantoj superos la nombron de l' kajutoj kaj litoj kaj hamakoj sur la ŝipo, — ĉu tiam vi ne povus — tute escept-maniere kaj kontraŭ bonproporcia rekompenco — meti vian piratboaton je la dispono de la L. K. K.? — Kiel la eminentaj organizantoj konstatis mem, sur via velŝipo verŝajne mankos iom da komforto, sed kompense estos granda avantaĝo, ĉar ja mankos al

ĝi ankaŭ la Somera Universitato. Kaj plue vi havos la rajton fiksi mem la tarifojn de l' kajutoj, kio lasos al vi sendube belan profiton, tiom pli, ke vi ja povos facile atingi tre respektindan sumon, se vi konsentas ludoni la kajuton de Sala Fumal kaj pli speciale, se vi trovas klienton por la tarifo B. —»

Nia ĉarma amikino Sala Fumal, kiu proprafumale ĉeestis, tiam interrompis la ministron: «Kion, laŭ via opinio, signifas tarifo B?» — «Nu, fraŭlino,» tre ĝentilhome la ministro klarigis, «vi povus, ekzemple anonci: kajuto de fraŭlino Sala Fumal, tarifo A...... 30,— fr. — tarifo B...... 3.000,— fr. tio signifas, ke en la tarifo A vi ne estas entenata, dum...»

«Dankon!» Sala Fumal seke tranĉis, «sciu, Sinjoro Ministro, ke mi ne manĝas de tia pano.»

Kaj pro bedaŭrinda, sed tute virineca, necedemo de Sala Fumal, sinjoro Ministro opiniis, ke estus sensukcese diskuti kun ni.

Niaflanke, ni ankoraŭ ne diris nian lastan vorton kaj atendas honestan proponon de la L. K. K.

JULES LARIBOIS.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# JUBILEO BELMONT

Ni legas kun plezuro en «Heroldo» (N-ro 813):

> La 19-an de januaro vespere okazis en Varsovio, en salonoj de Pola Touring-Klubo, solena Akademio honore al la 50-jara literatura agado de Leo Belmont, pola poeto kaj verkisto, kaj samtempe esperantisto. Post la Akademio okazis bankedo.

Strange, strange. — Sed, povas esti, ke ni komprenus, se iu bonvolus klarigi al ni, kio estas Akademio en Polujo. Ĉe ni, en Piratujo, ne estas kutimo diri, ke «okazis Akademio», sed ni volonte diras, ke «okazis kermeso». Tamen, konkludi, ke inter ambaŭ esprimoj ne estas diferenco, signifus ne havi altan respekton por nia Esperanta Akademio.

# Malnovaj Esperantistoj, atentu!

De diversaj flankoj oni informas nin pri kelkaj individuoj, kiuj migras tra la landoj, de urbo al urbo, vizitas la Esperantajn grupojn kaj pli speciale interesiĝas pri la malnovaj, tiel nomataj antikvaj samideanoj. — Kiel nia elita legantaro sendube scias, restas nur malmultaj ekzempleroj el la unua Esperantista periodo, t. e. samideanoj, kiuj lernis nian karan lingvon jam antaŭ 1900. Kaj ju pli maloftaj ili estas, des pli ili estas avide serĉataj de kolektantoj. Unu el tiuj individuoj, pri kiuj ni parolis ĉi supre, antaŭ nelonge estis ankaŭ en Parizo, kie li baldaŭ konatiĝis kun fraŭlino T., la bone kaj fame konata pra-Esperantistino. Estas fakto, ke F-ino T. lernis Esperanton jam en 1894. Kaj de tiam seninterrompe ĝis nun. — Sub diversaj pretekstoj kaj helpe de plej allogaj promesoj, la dirita individuo celis akiri la nomitan fraŭlinon por ŝin revendi al la Esperantista Muzeo en Wien. Fakte, dank' al liaj artifikaĵoj, la fraŭlino jam duone cedis kaj konsentis entrepreni la vojaĝon al la Muzeurbo, sed lastmomente, la individuo eksciis ion eksterordinaran, kio ruinigis liajn planojn kaj projektojn. Li ricevis el Vieno, responde al siaj proponoj, la jenan komunikon: « La Esperanta Muzeo, Wien, kolektas ĉiajn Esperantaĵojn, kiujn oni donacas al ĝi, — sed, fidele al siaj propraj principoj, — ĝi neniam aĉetas. »

Nur dank' al tiu ĉi cirkonstanco nia simpatia samideanino T. ne troviĝas hodiaŭ, konservita en alkoholo, en iu vazo ĉe la Esperanta Muzeo.

Ŝajnas, cetere, ke la nekuraĝiga respondo de la Viena Muzeo tre rapide diskoniĝis en la medio de la « certaj individuoj », ĉar lastatempe oni povis konstati, ke pli kaj pli malmulte oni okupiĝas pri la antikvaj samideaninoj. Kompense, oni multe ĉirkaŭas la novajn, junajn, freŝe bakitajn. Kiacele? — Malnovaj Esperantistoj, estas via devo atenti kaj helpokrii, se necese.

SALA FUMAL.

---

## GRAVA INFORMO

La Organizkomitato de l' Kongreso en Firona sendis al ni la suban telegramon, kiun ni volonte publikigas:

« Kalumniantoj disvastigas pesimistajn informojn koncerne temperaturon en Italujo dumsomere stop ne kredu ke estos tro varme stop aŭgustmonato ĝenerale malvarma tial alportu lankovrilojn, flanelkalsonojn kaj varmigbotelojn stop urĝe diskonigu stop dankon. »

# Organizado,

## infanaĝa ludo de la Esperantistaro.

*(Skemo laŭ la maniero de UEA-jarlibro)*




Nun de loko flugu ĝi al loko!

---

## GRAVA INFORMO

La Organizkomitato de l' Kongreso en Firona ĵus sendis al ni novan telegramon, kiun ni volonte publikigas ;

« Kalumniantoj intence miskomprenis lastan telegramon stop ne kredu ke dum aŭgusto oni frostas en Italujo stop somermonatoj ĝenerale varmaj tial alportu sunombrelojn ventumilojn kaj bankostumojn stop urĝe diskonigu stop redankon. »




*Dum nokto serena, kiam neniu kaperaĵo montriĝas ĉe l' horizonto, la piratoj kunvenas sur la ferdeko, ĉirkaŭ la centra masto, kaj rakontas... Ĉi tiun nokton la ŝipano Mutzumbr ekbruligis sian pipon, abunde kraĉis sur la ferdekon kaj ekparolis :*

# Tio okazis dum mia ĉeesto

Ĉiufoje, kiam nia ŝipo ĵetas la ankron en la haveno Tralala, ĉefurbo de Dzimbumlando, mi kutimas viziti la ĉefministron. Li estas, sed ne tre precize, mia kuzo, ĉar lia patrino servis dum sep semajnoj ĉe mia avino, kaj mia avo... (En tiu ĉi momento la aŭskultantoj laŭte malaprobis la parentezon kaj postulis la daŭrigon de la rakonto)... Li do estas mia kuzo. Kaj ni rilatas tre amike. Ĉar li estas tre okupita pri la diversaj aferoj de l' regado, li ĝenerale akceptas min en sia kabineto kaj babilante kun mi, li zorgas pri gravaj aferoj, alprenas decidojn ktp. Cetere tia laboremo pruvas, ke li ja estas mia kuzo, ĉar de ĉiam en mia familio... (Refoje la pirataro per kri'-kaj-kraĉ' devigis la fanfaronulon reiri al la temo)...

Tiel okazis, ekzemple, dum nia lasta vizito, ke mia kuzo akceptis, kiam mi ĉeestis, genian elpensulon, kiu jam de longe estis petinta pri aŭdienco. Tial mi povas nun rakonti al vi, kio okazis.

Humile, tro humile, la genia elpensulo eniris, enkondukate de bela oficiro, bombaste majesta kaj serioza kiel striglata azeno, kaj li klarigis :

« Mi elpensis aparaton, per kiu oni povas ŝanĝi la opiniojn, la sentojn, eĉ la intencojn kaj decidojn de kiu ajn persono. Sufiĉas, ke oni kompostu per tiucela klavaro la nomon, antaŭnomon kaj aĝon de l' trafoto, kaj poste, ke oni premu specialan butonon streĉe pensante pri la decido, kiun oni deziras sekrete trudi al li. — Mi alportis la aparaton ĝis la sojlo de via palaco, esperante, ke via moŝto deziros fari provon. »

Lia moŝto bonvolis. La stranga vizitanto eliris por prizorgi la alporton de l' mirinda aparato. La stranga vizitanto, baldaŭ poste, revenis kun du sklavoj portantaj mezgrandan keston, el kiu li eltiris la faman aparaton, kun eleganta klavaro, kun tuboj, radoj, bobenoj, fadenoj kaj tiel plu. Kaj li demandis, pri kiu persono temas, kian opinion aŭ senton lia moŝto deziras inspiri al tiu persono. Nu, konkludante laŭ la proponitaj personoj kaj deziroj, mi konstatis, ke mia malfeliĉa kuzo, kiu regas grandan landon, kie li ĝuas senliman potencon kaj samtempe amon kaj respekton de l' tuta popolo, havas en sia propra hejmo neniom da aŭtoritateco. Ĉar jen, iom ĝenate, li ordonis, ke lia filo rezignu tiun projektatan edziĝon kun kaldronist-filino. — La genia elpensulo fingrumis sian instrumenton kaj sammomente eksonoris la telefonilo. La ministro dekroĉis la aŭdilon kaj — ho mirige! — estis lia filo, kiu informis lin, ke li ne edziĝos! — Nun definitive certa pri la valoro de l' eltrovo mia kuzo deziris, ke lia filino ne iĝu monaĥino, ke lia edzino iĝu fidela, pli afabla (koncerne lin), ne spitema. Mi ne plu memoras pri ĉio, kion li volis ŝanĝi en ŝia karaktero, sed mi pensas, ke ĉio realiĝis.

Kaj nun, ĉar mia kuzo ne plu havis ion por deziri al si, li pensis pri la feliĉo de la lando.

« Bonvolu do, » li ordonis, « neniigi en la kapo de l' armilfabrikantoj ĉiujn militplanojn kaj malpackombinojn, ĉar ili estas pli potencaj ol mi, kaj tio, kion ili volas, ofte okazas. »

« Ĉu via moŝto do deziras, ke ili ne plu fabriku armilojn? »

« Ne, — mi volas nur, ke ili ne plu favoru militojn, kiuj multobligas iliajn profitojn. »

« Via moŝto senkulpigu min, » ĝemis la konsternita elpensulo, — « mia aparato kapablas ŝanĝi la homan volon, sed ĝi ne povas aliigi la homan naturon. »

Retsigor.

## ENKETO PRI FAZEOLO

(Komunikaĵo de la Akademio)

En la monata bulteno « Pikarda Stelo » (N° 55) ni trovis ĉi tiun dialogon inter elefantoj :

*Juna elefanto.* — Kion oni aŭdas? La tondron? La pafilegon?
*Maljuna elefanto.* — Ne! Mi manĝis fazeolojn....

Ĉar ni tute ne komprenas, pri kio temas, ni pensas, ke ĉi tie estas io neklara, kion klarigi estos certe en la intereso de ĉiuj Esperantistoj.

Laŭ Kabe fazeolo estas « vegetaĵo (legomo) el la familio de l' fabacoj (*phaseolus*). » Ĉu iu povas kompletigi la supran difinon, pravigante la komparon inter fazeolo kaj tondro aŭ pafilego? — Ĉu ekzistas rilato internacie konata? Se jes, laŭ kiu vidpunkto?

Detalajn respondojn bonvolu direkti rekte al nia Akademio, Sekcio por Teknikaj Vortaroj.




ESPERANTO (Nro 410-11). — « Mi konsilas al la delegitoj, ke iliaj grupoj havu la « Enciklopedion de Esperanto », verko nun aperanta. Mi neniam tro *malalte* taksos tiun ĉi verkon... »

*Jen stranga reklamo, kiu alportas plian argumenton al la tezo de nia amiko Kalocsay, la fervora « mal »-malamiko.*

VEGETARANO (Nro 5). — « Kaj se vi ne komprenos la sincerecon de niaj vortoj, en la batalo kontraŭ la milito, sciu, ke ni, kiuj rezignas plenkonscie maĉi la karnon de la *vivantaj* kunestaĵoj, ĉiam ni estas pretaj montri ekzemplon de batalado kontraŭ la milito. »

*Ĉu vi jam provis maĉi la ŝinkon de vivanta porko? Fi! — Ankaŭ ni rezignas plenkonscie.*

OOMOTO (Nro 112). — « Mi atendas kvazaŭ *amore* la alvenon de Oomoto Internacia. »

*Laŭ la Plena Vortaro « amori » havas nur unu signifon: sekse ami. — Strangaj moroj!*

ONDO DE DAUGAVA (Nro 12). — « Dum la ekzameno la *ekzamenanto* devas: a) prezenti buŝan kaj skriban tradukon; b) respondi pri gramatikaj demandoj; c) pruvi konversacikapablecon... »

*Kaj intertempe la ekzamenatoj povos dormi.*

FLANDRA ESPERANTISTO (Nro 7). — « ...niaj membroj, en mallonga tempo, parolos la Esperantan lingvon kiel *sia patrina lingvo.* »

*Estus preferinde paroli la Esperantan lingvon kiel Esperanton.*

AMERIKA ESPERANTISTO (Jan.) — El anglalingva artikoleto ni ekscias, ke la urbo *Arnheim (Belgujo)* donis la nomon «Esperanto-Laan » al la vojo, kiu kondukas al la « Esperanto-Domo ».

*Evidente temas pri la tutmonde konata Arnhem en Nederlando. Sed, kiam de Ameriko oni rigardas Eŭropon, oni povas erari pri tiaj bagatelaj detaletoj.*

# LA GALERO DE L' PIRATOJ



Sen entuziasmo, kontraŭvole kaj nur devigite, ni prezentas al vi hodiaŭ nian havenestron J. Solsona. — La temo estas neelĉerpebla, ĉar Solsona havas du metrojn da alteco (kiam li staras). Sur nia ŝipo li estas la plej timata kaj estimata persono, ĉar li ja posedas la ŝlosilon de l' pirat-trezorejo. Tial ni ĉiuj senfine respektas lin. Cetere li tiel bone presas, kiel li impresas. — Solsona jam de longa tempo apartenas al la pirata folkloro, kiel atestas la sekvantaj strofoj, kiujn pie mi kopiis el nia kantik-libro :




Ni nun kantu pri Solsona
Tiun kanton ĉi,
Kiu, eble, estas stulta,
Sed ne pli ol li !

Se l' ĉapelo de Solsona
Estus el cement',
Ĝi similus al banejo
Por la regiment' !

Se la nazo de Solsona
Estus el biskvit',
Por ĝin manĝi ja necesus
Granda apetit' !

Se l' piedoj de Solsona
Kuŝus sur la plad',
Ĉiuj dirus — pro l' koloro :
« Jen la ĉokolad' ! »

Se l' sidkarno de Solsona
Estus citadel',
Ĉiuj mirus pri la granda
Faŭko de l' tunel' !

Mi intence forlasis kelkajn strofojn, kiuj povus eventuale kaj sub certaj cirkonstancoj havi kvazaŭ ŝajnon de nedececo.

Kaj en nia proksima numero ni prezentos al vi nian kunlaboranton Raymond Laval.

A. Bundam.





WATSIT
kaj ĝia eltrovinto.

# WATSIT

**la famekonata angla instigilo por Esperantistoj**



Ĉu vi suferas pro kapdoloro post legado de nia Esperanta literaturo? . . . . . Trinku WATSIT!
Ĉu vi volas esti elokventa? . . . Trinku WATSIT!
Ĉu vi ne kapablas memori la signifon de U. E. A., L. K. K., I. P. K., K. R., S. A. T., Pm. bfl, k. c.? Trinku WATSIT!
Ĉu vi havas malagrablan bopatrinon?... Aranĝu, ke ŝi . . . . . . . . . . . . . . . Trinku WATSIT!
Ĉu vi volas eviti marmalsanon dum la krozado al Afriko? . . . . . . . . . . . Trinku WATSIT!

---

**Instrukcioj.**

Verŝu unu kuleron da WATSIT en brandoglason. Forĵetu, kaj plenigu la glason per brando, kun iom da sodakvo (laŭ gusto). Trinku malrapide, samtempe delikate frotante la stomakon.

---

**Kion diras niaj eminentuloj pri WATSIT?**

S-ro *Krestanoff*. — WATSIT jam bukligis mian barbon. Bonvole interŝanĝu pluan botelon kontraŭ dek ekzempleroj de « Bulgara Antologio ».

S-ro *Orengo*. — Kvankam L. K.-ano, mi tute ne kapablas esprimi mian opinion pri WATSIT en Esperanto. Ĝi certe superas ricinoleon.

S-ro *Sturmer*. — Post trinkado de du boteloj da WATSIT, mi verkis « Eĉ se grenereto »!

S-ro *Goldsmith*. — La B. E. A. aŭtomobilo veturas po 100 km. hore, kiam ni uzas WATSIT anstataŭ benzinon. Oni ne ekbruligu alumeton apud WATSIT, ĉar ĝi estas tre eksplodema. B. v. sendu dek botelojn al Ĝenevo.

S-ro *Ĉe*. — Ne! WATSIT ne estas floro,
WATSIT estas... ... odoro!

S-ro *Schwartz*. — Mi estas abstinulo, sed rekomendas WATSIT por purigi ŝuojn.

---

TRINKU WATSIT!!! Ĝi absolute malsimilas al iu ajn alia trinkaĵo. Trinkinte unu botelon, vi ne plu estos la sama homo.... vi eĉ ne rekonos vin mem!

Por SENPAGA SPECIMEN-BOTELO sendu Sv. fr. **20** (kontraŭ pakaĵo, ŝnuro, afranko, ktp.) kaj vian fotografaĵon al:

**WATSIT, Smefsek, Londono.**

(Ni ne povas garantii liveradon dum iu speciala jaro.)




**& Co.** — En la ĉarma libreto « Dekdu Poetoj », kiun K. Kalocsay prezentas al la publiko de AELA, ni retrovis kun ĝojo la nomon de nia malnova Newell. — Newell, iama ĉefredaktoro de « International Language », al kiu li akiris tra la tuta mondo faman nomon, Newell, la sindona sekretario de l' Pariza Kongreso, foriris antaŭ kelkaj jaroj al Egipto. Poste oni aŭdis nur malmulte pri li. Lia Esperanta plumo iom post iom rigidiĝis. Kio okazis? Kial tiu entuziasma poeto, tiu fervora verkisto subite silentis ?... Jaroj pasis... Kaj unu el niaj amikoj, antaŭ nelonge, ricevis leteron komercformatan kun jena presita teksto:

NEWELL & Co
EXPORTERS
OF EGYPTIAN AND SUDANESE
HANDICRAFTS.

Adiaŭ, Poezio!

**Konvertiĝo?** — Preskaŭ ĉiuj konas nian bonan amikon Ferrari. Siatempe ni havis la plezuron sciigi al la mondo, ke Ferrari malfermis barbir- kaj frizsalonon en Parizo kaj ke li, kompreneble, profitis tiun okazon por reklami ankaŭ por Esperanto. Tiel, ekzemple, ĉiuj surskriboj sur lia butiko estis en Esperanto, kun sennombraj steloj verdaj, kvinpintaj. Interne, por la legemaj klientoj, troviĝis nur Esperantaj gazetoj, — kaj tiuj klientoj, kiuj ankoraŭ neniam lernis nian belan lingvon, ne povis ne solene promesi, — kiam ili sentis la razoklingon de l' majstro sur sia gorĝo, — ke ili tuj komencos la lernadon. Unuvorte, ĉe Ferrari estis vere Esperanta atmosfero.

Ni revidis la faman butikon antaŭ du semajnoj, kaj apenaŭ rekonis ĝin! Ekstere, neniu Esperanta teksto! Interne, neniu Esperanta gazeto. Kaj kun la klientoj Ferrari parolas nun nur pri la vetero aŭ pri la multkosto de l' bifsteko. He, he, kion signifas tiu ŝanĝo? — Kaj nia amiko Ferrari klarigis al ni: « Oni rondodiris en la kvartalo, ke mi estas... pikita! » — Kaj tial vi forigis ĉiujn Esperantaĵojn? — « Nu, mi ne deziris perdi mian klientaron. »

**Varbado.** — La ĉefdelegito por Francujo. S-ro Rousseau, ĉiam vigla, ĉiam aktiva, havis ĵus la okazon paroli pri Esperanto kun eminenta persono, tre konata pro sia kontraŭhitlera agado. Kaj por pruvi la uzeblecon de Esperanto, S-ro R. montris unu numeron de Heroldo, el

kiu la varboto, kiu estas kompreneble tre klera homo, facile legis plurajn liniojn. Tiam li haltis. Rigardis la titolon de l' gazeto kaj, konstatinte, ke ĝi aperas en Germanujo, konfesis : « Ili estas kuraĝaj, viaj Esperantistoj.» « Kial do, sinjoro ? » — « Nu, vi ne vidis tiun anoncon pri libro ? Jen.. Kun Hitler al la Potenco.. Ili ne timas anonci ĝin ! » — Tiam S-ro Rousseau klarigis : « Mi pensas, ke vi miskomprenis. *Potenco* ne estas nia franca *potence* kaj, sekve, ne signifas *pendigilo* sed nur *pouvoir*. » Kaj la terura kontraŭhitlerano diris nur : «Domaĝe».

**La TAK.** — Nomo de la « Tutmonda Asocio Kolektanta ». Tiu honorinda asocio nur tro malofte havas la okazon kolekti la kotizojn de siaj anoj. Ĝi ne estas tre prospera. Ĝia bulteno havas mizeran aspekton, kaj ĝia kaso troviĝas en same malgaja stato. Kortuŝajn alvokojn subskribas la kasisto, kiu, tute hazarde, nomiĝas F. V. Mizera. — Tuta programo !

**Ĝi vivas !** — Cosmoglotta estas la « official organ » de Occidental, kiu aperas, kiam ĝi povas. Ĝis nun ĝia enhavo estis por ni sufiĉe seninteresa, ĉar senviva. Sed atentu, en la lasta numero, iu D-ro Guidi, Roma, enkondukis en tiun rigidan lingvon iom da petola sprito, kiu dank' al Dio estas ĝuebla ankaŭ en la Esperanta traduko. Jen :

Kiu dento ĉiam doloras ? — (La akci-dento !)
Kiu dono estas laŭdinda ? — (La pardono !)
Kiun fumon la sinjorinoj ŝatas ? — (La parfumon !)
Kiu kato ne miaŭas ? — (La advokato !)

He, he, — tiuj Occidentalistoj estas veraj petoluloj, al kiuj ni plezure rekomendas la tre originalan libron de Grenkamp « Ĉu vi aŭdis tion ? » — Ankaŭ la Occidentalistoj iom suferu !



## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

S-ro Ed. H. en M. — Vi estas prava. Kiam ni estos riĉaj, ni aĉetos stampilon.

S-ro J. M. en L. P. — Al vi mankas n-roj 2 kaj 4. — De kiu jaro ? Informu nin, ni faros nian eblon, — sed nenion promesas.

S-ro B. P. H. en B. — Via abono validas ĝis aŭgusto 1938 inkl. — Eble ni ĉiuj ĝisvivos tiun daton.

S-ro Br. R. en Z. — Jes, en ordo, ĝis sept. 1935 inkl.

S-ro E. d. L. E. en A. — Ĉu bonodora ? — Bone verkita, sed la temo estas evitinda pro niaj amikaj rilatoj kun certaj el la malbonodorantoj. Ne necesas gratuli.

S-ro W. D. en O. — Ni firme intencas skribi al vi antaŭ Pasko.

S-ino Ilekso. — Dankon pro amuza letero. Havu ĉiam venton en la veloj !

S-ro F. X. A. en P. — Ni ne havas lokon por korespond-anoncoj. Ni rekomendas al vi la bonegan « Nia Gazeto », Nice, 29, avenue de la Victoire.

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto - Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**

